No 2 Bern, la 5an de decembro 1938





# NI VOKAS VIN!



Oficiala Kongres-Gazeto
de la 31a Universala Kongreso de Esperanto
29a Julio — 5a Aŭgusto 1939 BERN — Svislando

Eldonanto kaj redakcio: Loka Kongresa Komitato, Bern, Bundesgasse 18 Telefono 37.237

## Ni salutas vin.

### Karaj gesamideanoj,

Depost la Londona kongreso, la organizantoj de la 31a Universala Kongreso diligente laboradas, por kiel eble jam nun fiksi la bazon de la organizado. Antaŭ ĉio, ĝi firme starigis la kongresprogramon. Kelkaj ŝanĝoj fariĝis necesaj, unue, la balo okazos jam dimanĉe, kiel internacia kostumfesto, ĝin verŝajne antaŭiros posttagmeza procesio tra la urbo. Ĝi devos esti la festo de la festoj, en nevidata kolorriĉeco prezentiĝos la internaciaj kiel la multaj naciaj kostumoj. Plie la komitato konvinkiĝis ke la teatra-demando devas esti alie solvota. Ĉar Svislando kaj ĉefe sia rava ĉefurbo havos la honoron gastigi la Esperantistojn, certe la kongresanoj pli ŝatos vidi ion tipe svisan, kio donas konon de la unikeco de Svislando kaj de la Sviseco, kio defendas sin dum la hodiaŭaj ventegaj tempoj persiste kontraŭ atakoj de ekstere kaj volas gardi siajn kulturajn kaj historiajn liberecojn. Bern famiĝis dum la lastaj jaroj kiel „festlud-urbo". La subĉielaj festaj katedralludoj, misterio-ludoj antaŭ la katedralo kaŭzas la famecon, kaj la prezentadoj estas de malofta profunda enhavo, tiel ke ili al ĉiu kiu vidis ilin restas neforgeseblaj. Por la 31a U. K. oni tial prezentos anstataŭ Esperantan teatraĵon, ludotan de amatoroj, specialan prezentadon de tiuj festaj katedralludoj antaŭ la mirinda ĉefpordego de la malnova katedralo. Ĝi certe estos unu de la ĉefaj okazontaĵoj de la 31a.

Ankaŭ la administra laboro progresis, precipe ĉar oni povis ricevi bonajn ofertojn de la hoteloj kaj pensionoj. La koncernaj aranĝoj estas publikigitaj en ĉi tiu numero. Ili certe prezentos al la kongresanoj ĉian komforton, la svisa hotelaro ĝuas ja mondfamecon, oni do plene povas fidi al ĝi. La aranĝoj havas la grandan preferon ke antaŭpago tiel estos ebla, ke kontant-mona cirkulo nur estos necesa por personaj deziroj de la unuopaj kongresanoj. Ankaŭ la ekskursa programo prezentiĝas, la prezoj estas kiel eble plej malaltaj. Ĉio donu al la kongresanoj jam dum la kongressemajno kiel eble plej ampleksan rigardon en la mirindan ĉirkaŭaĵon de Bern, en la proksimajn sovaĝajn alpojn kaj en la individuecon de Svislando. La proponoj por libertempa semajno kaj tre interesa rondvojaĝo tra Svislando por la postkongresa semajno sekvos, ili estas en preparo. Ankaŭ la gvidado de Esperanto-kursoj estas funde esplorita kaj antaŭvideble granda aro da Bernanoj estos instigotaj lerni nian lingvon, por prezenti al la kongreso amikecan akcepton.

Ni ĉiuj estas konvinkitaj pri la granda valoro de nia kara Esperanto, kies gra- veco ĉefe dum lalasttempaj malfacilaj semajnoj kaj monatoj denove pruviĝis. Ni do denove volas pledi por ĝi kaj pruvi al la popoloj ke paca kunlaborado de la popoloj nur estas ebla se la baroj de la diversaj lingvoj estas forigitaj kaj rekta komprenado al ĉiu estas ebla.

Loka Kongresa
Komitato Bern.



Bern kaj la alpoj.

# XXXIa Universala Kongreso de Esperanto.

Bern, 29a julio — 5a aŭgusto 1939.

## Dua formilo.

**Adreso por leteroj :** 31a Universala Kongreso de Esperanto Bern.

**Kotizoj :** Ĝis 31. 12. 38 sv. fr. 20.—, Ĝis 31. 3. 39 sv. fr. 25.—, Post 31. 3. 39 sv. fr. 30.—.

Le edzo aŭ edzino de kongresano, same gejunuloj ne pli ol 20-jaraj pagas la duonon de tiuj ĉi sumoj.

Plej oportune vi pagas al nia poŝtĉeka konto III 11611, aŭ per monbiletoj aŭ al Volksbank Bern.

Pagejo por Britujo: BEA, 142, High Holborn, London W. C. 1.

Pagejo por Norvegujo: Turista komisio, Box 353, Stabekk.

Pagejo por Polujo: M. Chmielinski, ul. Krasinskiego 4, Torun.

Pagejo por Svedujo: Turista komisio, Tegelbaken, Stockholm.

**Aliĝiloj** estas haveblaj ĉe la kongresoficejo, ĉe la landaj asocioj ĉe la turistaj komisioj kaj ĉe la IEL centra oficejo.

**Blinduloj** kaj ties gvidantoj ricevos senpagajn kongreskartojn, ĝis la 31a de marto 1939. Post tiu dato ili pagos po 5 sv. fr. por esti kongresano. Ili devas sendi ateston ke ili estas blinda, subskribita aŭ de IEL delegito, aŭ de Blindula Instituto, aŭ de kuracisto.

**Glumarkoj,** bona propogandilo, 100 pecoj kostas sv. fr. 1.20 aŭ 4 respondkuponojn.

**Donacoj** helpas sukcesigi la kongreson, la organiza komitato antaŭdankas al donacantoj.

**Blindula kaso,** helpu ebligi al blinduloj la kongresviziton, la komitato danke akceptas donacojn por tiu kaso.

**Loĝado kaj manĝado,** vidu la favorajn aranĝojn sur paĝo 3.

**Fakaj kunvenoj,** organizontoj frutempe anoncu siajn dezirojn. Ĝis nun sin anoncis: Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-oficistoj.

**Karavanoj :** Ni estas informitaj pri la jenaj karavanoj:
Britujo: BEA, 142, High Holborn, London W. C. 1.
Norvegujo: Turista komisio, Box 353, Stabekk.
Svedujo: Turista komisio, Tegelbaken, Stockholm.
Por landoj kie ne ekzistas turista komisio ni interrilatos kun la firmo Cook pri karavanoj.

**Skolta tendaro.** En la 31a UK okazos ankaŭ la skolta tendaro 1939. Informojn petu de la fakdelegitino por skoltismo: F-ino G. Merz. Falkenweg 9, Bern.

**Oficiala kongresgazeto** estas „Ni vokas vin". Ĉiu kongresano ĝin ricevas senpage. Antaŭvidata estas ok numeroj, la lasta enhavos la raporton pri la kongreso. La du unuaj numeroj estas multnombre forsendataj kiel varbnumeroj, interesuloj petu ilin de la kongres-oficejo. La proksima numero aperos fine de januaro.

**Aliĝoj.** Ĝis 7. 11. 1938 aliĝis 159 personoj el 19 landoj.

La ĝenerala sekretario:
**Otto Walder.**

## Provizora kongresprogramo.

**Vendredo, 28a de julio.**
Malfermo de la kongresoficejo.

**Sabato, 29a de julio.**
Akcepto en la stacidomo kaj gvidado al la loĝejoj.
Interkonatiĝa vespero, en la ĝardeno de Kursaal.

**Dimanĉo, 30a de julio.**
Surmonta diservo sur Gurten. Ĉe malbona vetero komuna diservo en la katedralo.
Solena malfermo de la kongreso en la granda salono de Kasino.
Internacia kostum-procesio tra la stratoj de Bern.
Internacia kostumfesto en ĉiuj salonoj de Kursaal.

**Lundo, 31a de julio.**
Laborkunsido de IEL.
Fakaj kunsidoj, prelegoj.
Rondveturado tra Bern, aŭ gvidado en grupoj.
Festa prezentado de la „katedral-ludoj" subĉiela prezentado.

**Mardo, 1a de aŭgusto.**
Laborkunsido de IEL.
Fakaj kunsidoj.
Gvidado tra la urbo.
Vespere, partoprenado ĉe la federacia fondfesto, en grupoj.

**Merkredo, 2a de aŭgusto.**
Tuttaga ekskurso al Jungfraujoch.

**Ĵaŭdo, 3a de aŭgusto.**
Laborkunsido de IEL.
Ekskursoj: Ĉirkaŭ la Thuna lago, Al la Blausee, Al la Schwarzsee.
Dancvespero.

**Vendredo, 4a de aŭgusto.**
Fakaj kunsidoj, prelegoj.
Ekskursoj: Trans la Pillon-pasejo, Trans la Jaun-pasejo, Sur la Chasseral, Trans la Schallenberg, Niesen-veturado, Granda transalpa-veturado.

**Sabato, 5a de aŭgusto.**
Fermo de la kongreso en la granda salono de Kazino.
Gvidado tra la muzeoj.

**Postkongresaj aranĝoj.**
5a—12a de aŭgusto:
Libertempejo en berna Superlando „Ni ripozu".
Rondvojaĝo „Ni esploru Svislandon".
Libertempa semajno en popolaltlernejo Herzberg.

---

Nia devizo: Ne pli promesi ol plenumi.

---

**Vi certe vidas ke estas via profito se jam nun vi aliĝas, la plej rabatitaj kotizoj valoras nur ĝis fine de 1938.**

**La urbestraro de Bern elektis kiel sian reprezentanton en LKK D-ron F. J. Portmann, la direktoron de la komerca lernejo Bern.**

# Tiel vi povos loĝi kaj manĝi.

Jen ni sciigas al vi la informojn de la subkomitato „loĝado kaj manĝado“.

Ni petas vin rememori la specialajn cirkonstancojn kiuj validas por Svislando. Unue ni rimarkigas, kiel ni jam menciis en la artikolo de la unua paĝo, ke la svisa hotelaro ĝuas mondfamecon. La ĉambroj ĉie estas komfortaj kaj hejmecaj, pri pureco ni tute ne propogandas, ĝi estas tute memkomprenebla afero. En la plimulto de la hoteloj vi trovas fluantan varman kaj malvarman akvon, tial ĉiu, ankaŭ la malmultekosta loĝejo povas esti taksata kiel tre bona. Plie la hotel-kuirarto ĝuas egan famecon, tial, ĉie kien vi iam venos, vi bone kaj sufiĉe povas manĝi. Kun la tri diversaj aranĝoj, en kiuj ĉio estas entenata, ni kredas prezenti al vi specialan agrablaĵon, per tio jam, ke tiujn aranĝojn vi jam povas aĉeti hejme, ĉe via landa Esperanto-turista komisio, aŭ, se tio ne ekzistas ĉe la filioj de la vojaĝoficejo Cook. Tiukaze vi povas aĉeti ilin en via propra monvaloro. Kompreneble ankaŭ rekte vi povas mendi viajn loĝejon kaj manĝadon ĉe la Loka Kongresa Komitato, laŭ la ĉi suba prezaro kaj tien pagi la koncernan sumon. Certe estas pli praktike por vi, se vi mendas la aranĝon kiel eble plej frue, ne nur kelkajn tagojn antaŭ via alveno en Bern, nur tiam ni povos plenumi viajn dezirojn.

La komitato prezentas al vi la prezaron:

## Prezoj por loĝado kaj manĝado.

Por faciligi al la kongresanoj la restadon en nia urbo, ĉefe rimarkante ke la kongreso okazos en la ĉefa negoc-tempo, ni prezentas la jenajn kolektivajn aranĝojn. Ĉiuj komencas sabate la 29an de julio kun la vespermanĝo kaj finas sabate la 5an de aŭgusto kun la tagmanĝo.

Ĉiuj aranĝoj enhavas la trinkmonon kaj la pakaĵtransporton al kaj de la hotelo, **sed ne la ekskursojn.**

**Aranĝo A:**

enhavas la **plenan pensionon**, kun la ebleco preni unu de la ĉefmanĝoj ĉiutage en hotelo aŭ restoracio laŭ elekto. Ĝi konsistas do jene: ĉambro, matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo.

Prezoj en svisaj frankoj:

Kategorio I: Hoteloj Bellevue Palace kaj Schweizerhof .......... Fr. 128.50

Kategorio II: Hoteloj Bristol, Bären, Beau-Site City, Gotthard, Savoy .......... Fr. 111.—

Kategorio III: Hoteloj Bubenberg, de la Gare, Jura, Metropol, Wächter, Wildenmann, Gurtenkulm .......... Fr. 99.50

Kategorio IV: Hoteloj Hirschen, Ruof, Simplon, National, Pensionoj Villa Frey, Eden, Bois Fleury, Elite, Herter .......... Fr. 92.50

**Aranĝo B:**

komprenas **plenan pensionon** en la hotelo, do ĉambron, matenmanĝon, tagmanĝon kaj vespermanĝon.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kategorio I | Samaj hoteloj kiel supre | ...... | Fr. 132.— |
| Kategorio II | „ | ...... | Fr. 111.— |
| Kategorio III | „ | ...... | Fr. 96.— |
| Kategorio IV | „ | ...... | Fr. 85.50 |

**Aranĝo C:**

komprenas **duonan pensionon,** do ĉambron, matenmanĝon kaj unu ĉefmanĝon.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kategorio I | Samaj hoteloj kiel supre | ...... | Fr. 107.50 |
| Kategorio II | „ | ...... | Fr. 90.— |
| Kategorio III | „ | ...... | Fr. 78.50 |
| Kategorio IV | „ | ...... | Fr. 71.50 |

# Jen belega ekskursprogramo laŭ la devizo „Venu ankaŭ kun ni“.

En la kongresa programo jam vi vidis, ke ni organizos diversajn ekskursojn dum la kongresa semajno. Kompreneble vi diras, ni venas ja al Svislando por ĝui la ravan naturon, kaj ni komprenas vin kaj proponas la plej indan. Pri la prezoj vi certe opinias ke ili estas tre malaltaj. Ni estus dankemaj al vi, se vi kiel eble plej frue mendos la elektitajn ekskursojn. Kompreneble vi povas ankoraŭ en Bern aliĝi, sed estas ĉefe vi kiu profitas de frutempa mendo, ĉar tiam ni povos prepari al vi la biletojn kaj jam enmanigi ilin al vi ĉe via alveno. Ankaŭ tiujn ekskursojn vi povas mendi ĉu ĉe via turista komisio, aŭ ĉe la kongresa oficejo aŭ ĉe Cook.

Do elektu kaj antaŭĝoju!

**Ekskurso 1.**
**Dimanĉe, la 30an de julio:**
**Sur la Gurten,** la fama elrigardejo ĉe Bern (tramo kaj ŝnurfervojo). **Fr. 1.50.**

**Ekskurso 2.**
**Lunde, la 31an de julio:**
**Rondveturado tra Bern.** Vizito de ĉiuj vidindaĵoj (aŭtoĉaro) **Fr. 3.50.**

**Ekskurso 3, la ekskurso kiun ĉiu ĉeestu!**
**Merkrede, la 2an de aŭgusto:**
**Al Jungfraujoch.** Fervoje al Thun-Interlaken-Lauterbrunnen, kaj per la Wengernalp-fervojo al Wengen kaj Kleine Scheidegg. Per la Jungfrau-fervojo, la plej alta fervojo de Eŭropo al Jungfraujoch (3457 m), meze de la glaciaj gigantoj de la berna Superlando. Tuttaga ekskurso **Fr. 38.—.**

La tagmanĝo sur Jungfraujoch kostas Fr. 4.50. Kongresanoj kun aranĝo A povas por ĝi uzi la „ĉiemanĝkuponon“ kun alpago de Fr. 1.50.

**Ekskurso 4.**
**Jaŭde, la 3an de aŭgusto:**
**Ĉirkaŭ la Thuna lago,** ĝuoplena veturado per aŭtoĉaro (aŭ fervojo kaj ŝipo ĝis Interlaken) **Fr. 6.—.**

**Ekskurso 5.**
**Jaŭde, la 3an de aŭgusto:**
**Al la Blausee (blua-lago).** Belega veturado en la „blua sago“ de la Lötschberg-fervojo tra la Kander-valo al Kandersteg kaj la romantika „blua-lago“ **Fr. 7.50.**

**Ekskurso 6.**
**Jaŭde, la 3an de aŭgusto:**
**Al la Schwarzsee (nigra-lago),** per aŭtoĉaro al banejo Gurnigel, al Seelibühl (mirinda elrigardo al la alparo), al la piedo de la Stockhorn-ĉeno, kaj suben al la nigra-lago, situata en la Friburgaj alpoj. Hejmenvojo preter Freiburg. **Fr. 7.50.**

**Ekskurso 7.**
**Vendrede, la 4an de aŭgusto:**
**Trans la Pillon-pasejo,** al Montreux kaj la fame konata kastelo Chillon; hejmenvojo preter Freiburg. (Poŝta aŭtoĉaro.) **Fr. 19.—.**

**Ekskurso 8.**

**Vendrede, la 4an de aŭgusto :**

**Trans la Jaun-pasejo,** al la romantika Greyerzer-valo; hejmenvojo preter Freiburg. (Poŝta aŭtomobilo) **Fr. 15.—.**

**Ekskurso 9.**

**Vendrede, la 4an de aŭgusto :**

**Sur la Chasseral,** en aŭtoĉaro. Unika elrigardejo trans la regiono de la Biela Neuchatela kaj Murten-lagoj, same mirinde prezentiĝas la alpoj. **Fr. 8.—.**

**Ekskurso 10.**

**Vendrede, la 4an de aŭgusto :**

**Trans la Schallenberg.**

Variariĉa veturado tra la Aare-valo, sur la altaĵon de la Schallenberg, kun rava elrigardo al la alpoj. Hejmenvojo tra la bela Emmen-valo. **Fr. 6.50.**

**Ekskurso 11.**

**Vendrede, la 4an de aŭgusto :**

**Niesen-veturado,** unu el la plej indaj fervoj-ekskursoj sur la 2300 m alta elrigard-monto, kun nesuperigebla panoramo. **Fr. 10.—.**

**Ekskurso 12.**

**Vendrede, la 4an de aŭgusto :**

**Granda transalpa-veturado.** Certe la plej bela kaj plej varia fervoj-kaj poŝtaŭtoĉaro-veturado. Ek de Bern laŭlonge de lagoj, trans belegaj altmontar-stratoj al la sovaĝa Rhone-glaciejo, tra la romantika Schöllenen-kluso, laŭlonge de la Kvarkantona lago kaj tra la ĉarma Emmenvalo hejmen. **Fr. 23.—.**

(la postkongresa rondveturado enhavas tiun ekskurson).

**Postkongresaj aranĝoj**

**Libertempa semajno en berna Superlando „Ni ripozu“**

Ni interrilatas kun hoteloj en la berna Superlando kaj en la proksima gazeto sciigos precizaĵojn.

**Rondvojaĝo „Ni esploru Svislandon“.**

Tiun veturadon per fervojo kaj poŝtaŭtoĉaro ni ĵus preparas, prezo en la proksima gazeto. Sed la plano ne pli longe restu sekreto: Bern-Grimselpasejo-Furkapasejo-Andermatt-Göschenen-Lugano-St. Moritz-Alp Grüm-St. Moritz-Flüelapasejo-Davos-Zürich (vizito de la svisa nacia ekspozicio)-Flüelen-Luzern-Bern.

# Popolo kun multaj lingvoj.

De post la tempo, kiam la Franca Revolucio altigis la tutan subularon kiel suverenon kaj la nacion kiel reganton super si mem, kompreninte, ke ŝtato, popolo kaj patrujo estas nedisigebla unueco, Eŭropo sin demandas: kion signifas popolo, kion nacio?

Por la francoj la respondo estis facila; ilia popolo estis la loĝantoj de tuta Francujo sed ne jam ekzistis Italujo je la komenco de la 19-a jarcento; Germanujo ne plu ekzistis, la orientaj ŝtatoj estis disŝiritaj. Ankaŭ tie la amaso postulis liberecon, grandajn spacojn por la juna industrio kaj liberan komercon. La malgrandŝtateco devis malaperi, la multaj princoj baris la vojon al la estonteco. Oni devis nur trovi iun konigilon, per kiu la popoloj reciproke sin ekkonu, ion komunan, kio estu sufiĉe forta por kunligi ilin al pli granda unueco. Tio estis la lingvo: ĉiuj samlingvanoj apartenis al la sama popolo. Ankaŭ en Francujo la plejmulto uzis la saman lingvon; kiu parolis itale, ne plu kalkulis kiel ano de la Eklezia Ŝtato, de Napolo aŭ de Toskano; kiu parolis germane, estis konsiderata nur kiel germano. Tiuj, kiuj parolis pole, ĉeĥe, finne, eksciis, ke ili estas popoloj kaj do rajtis pretendi por propra ŝtato. La lingvo-teritorio fariĝis patrujo. La konsciiĝo de tiel facile ekkonigebla komuneco, la sameco ne nur de la parolo sed ankaŭ de la pensado kaj sentado, ĉio ĉi efikis, ke en iom pli ol cent jaroj la multnombraj reakciaj princlandoj dronis en la potencaj modernaj nacio-ŝtatoj. Nacia glorado, kultura memkonscio, irredenta*), subpremo de alie-parolantaj minoritatoj, naciismo, faŝista transiro de popolo al ŝtato, ĉio ĉi pruvas la terure kreskantan potencon de tiu pensado.

Tamen la svisoj lasis tion al la aliaj. Ili fondis sian ŝtaton longe antaŭ la Franca Revolucio, ili ne bezonis unue persvadi sian popolon al unueco, ĝi jam estis unueca, jam apartigita de la aliaj popoloj kaj jam liberigita. Ili povis do rezigni pri la serĉado de konigilo por sia nacio; oni ne devis teorie motivi la volon por komuna ŝtato kaj la konscion de solidareco; ne estis necese unue pruvi al la svisoj ilian apartecon. Ili sentis sin popolo, tio sufiĉis. La nacia movado, kiu ŝanĝis tutan Eŭropon, efikis en Svisujo nur impulse por demokratio kaj por adaptiĝo de la ŝtato al la ekonomiaj postulaĵoj.

Estus malfacile pruvi la originan, naturdevenan kaj kvazaŭ Diovolitan komunecon de la svisa popolo. Ĉar tiu svisa popolo havas nur unu komunan, nome ke ĝi volas konserviĝi en sia diverseco. Nenie oni trovas pli grandajn kontrastojn sur tiel malvasta tereno. Kiel la naturo de la lando entenas ĉion, de subtropika, suda vegetacio ĝis la arkta dezerto de la glaciejoj, kio en Eŭropo estas dissemita de la Mediteraneo ĝis la Polusa Maro, tiel abunde diferenciĝas ĝiaj loĝantoj laŭ sangkunmeto, deveno, lingvo, kredo, ekonomio, kulturo kaj opinio. Kiu diras sviso, opinias Bern-anon aŭ Ĝenev-anon aŭ Grizonanon; kiu diras Grizonano, opinias Oberlandanon, Chur'anon, Bergell'anon, Engadin'anon; kiu sin nomas Engadin'ano, pensas pri la vilaĝo, el kiu devenas lia familio.

Oni ne estas sviso por esti sviso; oni bezonas Svisujon por konservi la propran malgrandan hejmejon. Ĝenevo, sen Svisujo, estus franca provinc-urbo, la Zürich-anoj kaj Tiĉin-anoj ne plu povus esti ili mem. Kiel anoj de la Federacio ili havas la grandiozan liberecon por konservi sian karakteron meze en la kontraŭema mondhistorio. La svisa nacioŝtato, en kiu siamaniere vivas naturkomuna, unueca popolo, ne estas Svisujo, sed la superrigardebla, origine suverena plej malvasta hejmejo, la kantono. Kiel la hungaroj kaj nederlandanoj flegas kaj protektas sian lingvon en sia nacia ŝtato, tiel faras la germane-, france-, itale-, kaj romanĉe-parolantaj svisoj kun sia lingvo en sia kantono. La kantonoj ne estas tro malgrandaj por plenumi tiun grandan faron; de mil jaroj apenaŭ ŝanĝiĝis la lingvolimo en Svislando. La ŝtato en sia tuteco estas kvarlingva; ĉar la svisa nacio ne baziĝas sur lingvo-unueco, ne ekzistas kaŭzo por unu el ĝiaj lingvo-grupoj por flankenŝovi la aliajn aŭ eĉ por subpremi ilin; ne okazas naciec-bataloj, ĉar ili estus sensencaj. La aparteneco al la svisa popolo ja ne dependas de la lingvo;

*) **Irredenta:** politika ligo en Italujo (de post 1878) por kunligo de ĉiuj itale parolantaj najbaraj teritorioj kun la Itala Reĝolando.

la patrujo ne estas la lingvo-teritorio, la fideleco al la ŝtato pro tio ne estas malpli granda ĉe la svisoj de unu lingvo ol ĉe tiuj de la aliaj lingvoj.

Tiel evidentiĝis, ke tie, meze en Eŭropo, regas la paco inter gentoj, kiuj aliloke konstante interbatalas. Tion oni atingis per la speciala opinio de la svisa nacio kaj per la svisa juro, kiu unuflanke aprobas aŭtonomiajn teritoriojn, hejmŝtatojn, en kiuj regas nun unu lingvo — la kantonojn kaj en plurlingvaj kantonoj la distriktojn kaj komunumojn — kaj kiu aliflanke permesas al ĉiu sviso, kie ajn li troviĝas, uzi sian propran lingvon koncerne la Federacion. Ankoraŭ io: la memkomprenebla reciproka respekto, fortigita per la evoluo de la lernejoj; la plej multaj klasoj de la loĝantaro posedas konojn de dua lingvo. Tio faciligas la interkompreniĝon kiel ankaŭ la komprenon.

Signifas profundan promeson, sciigon por ĉiuj, ke la multlingveco de popolo kaj ŝtato ne sentiĝas kiel malavantaĝo kaj limigo, sed estas konsiderata kiel esenca enhavo kaj efektiva destino de Svisujo. Tiu promeso diras, ke organizoj, kiujn kreas la homoj, ne devas detrui naturdevenaĵon. Ĝi plue diras, ke estas pensebla: formo de ŝtato, kiu povas konservi la lingvon, kulturon kaj la specialan karakteron de la homoj, la pensmanieron, la personecon kaj veran hejmejon en ĝia aparteco kaj multvarieco kaj ke malgraŭ ĉio ĉi tiu formo estas plena de viveca, vera komuneco.

Hermann Weilenmann, trad. A. F.

# Servemaj spiritoj en la svisa hotelo.

Imagu al vi, ke granda nombro de tute nekonataj homoj el plej diversaj landoj, jes el la plej foraj mondpartoj venus al vi kiel gastoj. Ĉiu kunportas siajn tute specialajn dezirojn, ĉiu volas laŭ speciala maniero sin senti kiel hejme ĉe vi. Sen altrudo de via gastameco al li, li tamen havu la senton, ke ĉio je certa grado estas adaptita al liaj naturo kaj pretendoj. Kian delikategan sentopovon, kian takton, sed ankaŭ kian ĝis la lasta ebleco pripensantan organizon oni tiuokaze bezonus! La hotelisto ĉiutage troviĝas en tiu situacio. En lia granda domo en-kaj el-iras gastoj de plej diversaj devenoj kun la plej diversaj vivpretendoj, kutimoj, kapricoj, deziroj kaj esperoj. Kaj kiom por li dependas de tio, ke li estas justa al ĉiuj, ke ĉiuj, la milionulo kiel la simpla, al libertempo soifanta modesta viro, kiu permesas al si kelkajn tagojn por refortiĝo, la plej dorlotata filmstelo kaj la humila tipistino estu kontentegaj, sin sentu agrable, ke ili rekomendu la hotelon kaj mem volonte revenu! Por atingi tion oni bezonas krom evoluita persona talento malnovan tradicion, riĉan psikologian kaj organizan sperton kaj tutan aron de servopretaj spiritoj, kiu adaptiĝas al la granda entrepreno kaj tamen konsciiĝas ĉiupostene pri sia respondeco. La svisa hotelaro disponas pri bona tradicio. La hotelo kaj la profesio de la hotelisto herediĝis eĉ tra generacioj. En la profesia organizo oni interŝanĝas la spertojn, oni atentas por daŭre reteni la ĝeneralan altan „standard“ de Svislando kaj en loka, regiona kaj tutsvisa kunlaboro oni alcelas konstantan plibonigon kaj akcelon de la kvalitoj kun samtempa normigo kaj adaptiĝo de la prezoj al la aĉetpovo de la publiko. Sed antaŭ ĉio oni dediĉas en Svislando la plej grandan atenton ankaŭ al la elekto kaj instruo de ĉiuj helpantoj. Ĉar la impreso, kiun la gasto ekhavas de niaj lando kaj popolo, de niaj libertempejoj kaj nia hotelaro dependas ĉefe de la spertoj, kiujn li havas kun la hotela personaro. Tamen li interkonatiĝas nur kun malmultaj el la tuta hotelanaro, sed li tre rapide eksentas, se io ne funkcias en la kuirejo, en la kelo, en la ĉambroservo aŭ en la oficejo. Nur se ĉiu servobranĉo senkonflikte kaj harmonie kunlaboras kun la aliaj, ekestas la agrabla atmosfero, al kiu ĝuste la svisa hotelo dankas sian mondreputacion.

De ĉiuj, kiujn la gasto okaze povas renkonti, de la direktoro, „concierge“, sekretariino, de la pordisto, ĉefkelnero, kelnero, ŝoforo, liftbubo kaj ĉionfaranta uniformita bubo, ankaŭ de la ĉambristino oni postulas neriproĉeblan sintenadon kaj konduton, majstradon de pluraj lingvoj, rapidan perceptpovon, komplezemon kaj scion pri mil aferoj, kiujn la gasto eventuale povus demandi. La plurlingveco kaj kultura multvarieco de nia lando donas al la Sviso moveblecon, kiu estas tre decida por ĉi-tiuj profesioj kaj kiu en bona tempo ankaŭ en ĉiuj landoj malfermis al la svisa hotelpersonaro la pordojn de la sukceso kaj donis al ĝi evolu-eblecon.

Se oni vidas, kiom da personoj postulas nur sole la kuirejo, oni miras, ke por nia bonfarto laboras tuta armeo da homoj malantaŭ la kulisoj.

Estas do la kuireja ĉefo, la saŭcisto, la „gardemanger, entremetier, rôtisseur“ kaj la sukeraĵisto, kaj ĉiuj havas sian fiksan taskon, krome ĉiu el ili havas siajn helpantojn. La kaserolistoj zorgas pri la purigado de la kaseroloj, arĝentaĵkaj telero-purigantoj por la servicoj, la kuirejaj knaboj kaj knabinoj por la purigado de la tabloj kaj plankoj. Se la kuireja ĉefo devas aranĝi la menuon, estas la tasko de la oekonomato,



**Ni pruvas ke Bern plaĉas al la vizitantoj jene: Dum tiu somero venis iomete malpli da gastoj, sed tamen, la ĉambrookupeco en la hoteloj estis pli granda. Vere estas malfacile forlasi Bernon! Vi same opinios! Ni garantias!**

**Aliflanka dupaĝa bildo:**
*El la ĉarmoj de la berna Superlando. La elaviadila bildo montras rigardon sur la Finsteraarhorn, la glacimaron kaj la Strahlegg. Al tiu regiono kondukos la kongresa ekskurso al la Jungfraujoch.*

kiu estas submetita al la kuireja guvernistino, ke la nutraĵprovizejo estas ĉiam tiel plenigita, ke neniam povas ekesti embaraso.

La superan kontrolon de la ĉambroservo gvidas la hotelguvernistino, al kiu estas submetitaj ĉiuj ĉambristinoj kaj pordistoj. La tolaĵguvernistino devas garantii pri la bonstato de la tolaĵoj. Al ŝi la lavistinoj kaj gladistinoj estas submetitaj. Kaj la servo de ĉiuj-ĉi helpantoj estas plej bone plenumita ĝuste tiam, se ilia fervora, taskofidela laboro restas tieldirite nerimarkita.

Sed kun la profesia talento de la hotelisto kaj lia stabo ne estas ankoraŭ plenumitaj ĉiuj kondiĉoj por la bonfarto de la gastoj. La komforteco, la ne tro luksa, sed ĉiuokaze distingita, bongusta kaj komforta ekipo de la ejoj, la laŭcelaj, ĉiam kun la plej lastaj teknikaj akiraĵoj provizitaj ejoj por higieno, sporto kaj amuziĝo estas gravaj faktoroj, kiujn oni ne rajtas neglekti — kaj aldone al ĉio la prezoj devas esti tiel kalkulitaj, ke oni povas atendi gastojn ankaŭ el landoj kun malfortaj valutoj. (Tiun mirindan artaĵon cetere brile realigis la svisa hotelbranĉo kun siaj favoraj tutprezaj aranĝoj-paŭŝalaranĝoj kaj kun sia disciplino post la malpli-valoreco de la svisa franko.)

Krom la fakto, ke ĉiuj kondiĉoj estas plenumitaj tiel altgrade en nia hotelaro kaj Svisujo kiel fremdul-lando vere estas gastiganto, kiu plej bone pretiĝis por la homoj el la tuta mondo, plene kaj tute favoras la tiel gravan branĉon de nia ekonomio ankaŭ la mirigaj donaĵoj, kiujn la naturo en ĉiuj landpartoj tiel malŝpare donacis al ni kaj niaj gastoj.

Trad. A. F.

**Kiu ne povus facile ŝpari monon, se poste vizito al ĉarmega lando estas eble. Multaj eroj ankaŭ donas aron.**

# Listo de kongresanoj.

1. Intendanto-Generalo L. Bastien, Paris, Francujo.
2. C. C. Goldsmith, Rickmansworth, Britujo.
3. J. Schmid, Bern, Svislando.
4. H. Buchli, Bern, Svislando.
5. D-ro W. de Lerber, Bern, Svislando.
6. F. J. Portmann, Bern, Svislando.
7. O. Walder, Bern, Svislando.
8. M. Ardüser, Bern, Svislando.
9. F-ino G. Merz, Bern, Svislando.
10. A. Hilfiker, Bern, Svislando.
11. B. Meier, Bern, Svislando.
12. E. Koblund, Bern, Svislando.
13. M. Budliger, Bern, Svislando.
14. A. Pfister, Bern, Svislando.
15. P. W. Baas, Amsterdam, Nederlando.
16. Kapitano R. Bugge-Paulsen, Oslo, Norvegujo.
17. Prof. G. Canuto, Torino, Italujo.
18. D-ro J. Couteaux, Paris, Francujo.
19. E. Dahl, Uddevala, Svedujo.
20. R. Dubois, Paris, Francujo.
21. W. Grolleman, Culemborg, Nederlando.
22. K. Th. Hansen, Köbenhavn, Danujo.
23. F. Heikenwälder, Prostejov, Ĉeĥoslovakujo.
24. H. W. Hetzel, Philadelphia, Usono.
25. Rektoro S. Jansson, Lidingö, Svedujo.
26. D-ro P. Kempeneers, Uccle, Belgujo.
27. D-ro I. Lapenna, Zagreb, Jugoslavujo.
28. B. E. Long, London, Britujo.
29. A. C. Oliver, London, Britujo.
30. P. Petit, Rosny-sous-Bois, Francujo.
31. Reservita.
32. Seitaro Ŝindo, Osaka, Japanujo.
33. M. Rollet de l'Isle, Paris, Francujo.
34. P. Blaise, Morden, Britujo.
35. Prof. O. Bujvid, Krakow, Polujo.
36. D. Dalmau, Barcelona, Hispanujo.
37. C. Domingues, Rio de Janeiro, Brazilo.
38. E. Malmgren, Stockholm, Svedujo.
39. Prof. St. Minkov, Sofia, Bulgarujo.
40. T. Jung, Scheveningen, Nederlando.

41—50 rezervitaj.

51. S-ino M. De Rycke, Gand, Belgujo.
52. D-ro R. G. Mäder, St. Gallen, Svislando.
53. S-ino Th. Mäder, St. Gallen, Svislando.
54. F-ino S. Holenstein, Azmoos, Svislando.
55. S-ino Cl. Goldsmith, Rickmansworth, Britujo.
56. J. Goldsmith, Rickmansworth, Britujo.
57. J. Perlet, Bern, Svislando.
58. E. Hofer, Bern, Svislando.
59. M. Schläfli, Bern, Svislando.
60. L. Weber, Bern, Svislando.
61. R. Ch. Zollinger, La Chaux-de-Fonds, Svislando.
62. F-ino A. Früh, St. Gallen, Svislando.
63. F. Walther, Nieder-Gerlafingen, Svislando.
64. F-ino M. Jay, London, Britujo.
65. J. R. Grocott, Blackburn, Britujo.
66. S-ino N. Grocott, Blackburn, Britujo.
67. C. Naoumoff, Paris, Francujo.
68. J. Vilkki, Somero, Finnlando.
69. S-ino S. Vilkki, Somero, Finnlando.
70. P. Vilkki, Somero, Finnlando.
71. G. D. Buchanan, Glasgow, Skotlando.
72. W. H. Hirst, Huddersfield, Britujo.
73. S-ino M. A. Hirst, Huddersfield, Britujo.
74. W. J. Drake, London, Britujo.
75. S-ino L. C. Drake, London N. 10, Britujo.
76. S-ino E. Grout, London, Britujo.
77. D. Kennedy, Glasgow, Skotlando.
78. F-ino A. A. Nicol, Glasgow, Skotlando.
79. F-ino A. B. Nicol, Glasgow, Skotlando.
80. P. H. Mooij, 's Gravenhage, Nederlando.
81. F-ino A. L. Borel, London, Britujo.
82. L. Jenkins, London, Britujo.
83. S-ino D. M. Jenkins, London, Britujo.
84. T. H. Ridpeth, London, Britujo.
85. S-ino A. Ch. Ridpeth, London, Britujo.
86. H. Reed, Letchworth, Britujo.
87. S-ino V. Reed, Letchworth, Britujo.
88. F-ino S. V. Reed, Letchworth, Britujo.
89. H. M. E. Herlemont, Paris, Francujo.
90. J. Stenström, Ulricehamn, Svedujo.
91. F-ino Kl. Walden, Ystad, Svedujo.
92. P. Ch. Le Brun, Kreuzlingen, Svislando.
93. H. Benson, Blackburn, Britujo.
94. R. G. Dupuis, Haarlem, Nederlando.
95. J. Newby, London, Britujo.
96. F-ino B. M. Savage, Hastings, Britujo.
97. H. W. Holmes, London, Britujo.
98. S-ino N. A. Holmes, London, Britujo.
99. G. Bevan, Wrexham, Britujo.
100. R. Robertson, London, Britujo.
101. F-ino I. M. Cochrane, Dunfermline, Skotlando.
102. F-ino M. Jones, Seven Sisters, Neath., Britujo.
103. S-ino L. Reigneau, Paris, Francujo.
104. J. Ravestein, 's Gravenhage, Nederlando.
105. S-ino J. M. Ravestein, 's Gravenhage, Nederlando.
106. F-ino M. Kennedy, Glasgow, Skotlando.
107. J. W. Pickard, Manchester, Britujo.
108. S-ino H. V. Cooper, Boomley, Kent, Britujo.
109. S-ino H. Warren, East Ham, Britujo.
110. F-ino B. Ashby, Birmingham, Britujo.
111. W. H. Errington, London, Britujo.
112. G. H. Parker, London, Britujo.
113. S-ino E. A. Parker, London, Britujo.
114. A. E. Smith, Kettering, Britujo.
115. F-ino E. Squire, West Hartlepool, Britujo.
116. F-ino C. F. Taylor, Paris, Francujo.
117. E. Schmitt, Nancy, Francujo.
118. S-ino M. Schmitt, Nancy, Francujo.
119. J. Martinet, Trouan-le-Petit, Francujo.
120. F-ino H. Karlsson, Klippan, Svedujo.
121. F-ino J. Hagerman, Klippan, Svedujo.
122. Reservita.
123. F-ino J. Downie, Glasgow, Skotlando.
124. A. Shaw, Westcliff on Sea, Britujo.
125. S-ino J. Shaw, Westcliff on Sea, Britujo.
126. Th. Pattinson, Gateshead, Britujo.
127. S-ino D. Haig, Gateshead, Britujo.
128. F-ino A. Konopovà, Praha, Ĉeĥoslovakujo.
129. A. G. Tucker, Canterbury, Britujo.
130. G. Shepherd, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
131. S-ino H. E. Jackson, Willaston, Britujo.
132. J. F. Jackson, Willaston, Brituja.
133. S-ino W. M. Rischam, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
134. F-ino J. Baird, Edinburgh, Skotlando.
135. St. Peksa, Nowy Targ, Polujo.
136. O. B. Sletteròd, Ullevàl, Norvegujo.
137. A. Sletteròd (S-ino), Ullevàl, Norvegujo.
138. R. W. F. Kyftenbelt, Nice, Francujo.
139. F-ino L. M. A. W. van Ameyden, Nice, Francujo.
140. F-ino H. M. Monod, Morges, Svislando.
141. H. Hattemer, Solothurn, Svislando.
142. S-ino L. Riedle, Zürich, Svislando.
143. E. Lentz, Aberdeen, Skotlando.
144. F-ino J. E. Thompson, Aberdeen, Skotlando.
145. F-ino A. L. Richardson, Monkseaton, Britujo.
146. A. Jensson, Stabekk, Norvegujo.
147. F-ino L. Sandberg, Bekkelaget, Norvegujo.
148. D-ro M. Jaccard, Zürich, Svislando.
149. S-ino Y. Jaccard, Zürich, Svislando.
150. A. Baur, Zürich, Svislando.
151. S-ino R. Gigandet, Solothurn, Svislando.
152. E. Gigandet, Solothurn, Svislando.
153. S-ino L. Remund, Solothurn, Svislando.
154. A. Schweizer, Zürich, Svislando.
155. S-ino E. Schweizer, Zürich, Svislando.
156. R. M. Harvey, Birmingham, Britujo.
157. A. Allen, Leek, Britujo.
158. F. Eynard, Grenoble, Francujo.
159. S-ino W. E. Nummelin, Tallinn. Estonio.
160. S-ino H. Dresen, Tallinn, Estonio.
161. F-ino A. Taft, Tallinn, Estonio.
162. F-ino G. Pilvet, Tallinn, Estonio.
163. S-ino D. M. Painer, Tallinn, Estonio.
164. S-ino E. Goldberg, Tallinn, Estonio.
165. J. Gilliard, Annemasse, Francujo.
166. F. A. Witschi, Biel, Svislando.
167. F-ino L. Klee, Horn, Svislando.
168. F-ino F. Roth, Solothurn, Svislando.
169. F-ino A. Karlsen, Oslo, Norvegujo.

Resumo : Belgujo 2, Brazilio 1. Britujo 61, Bulgarujo 1, Ĉeĥoslovakujo 2, Danujo 1, Estonio 6, Finnlando 3, Francujo 16, Hispanujo 1, Japanujo 1, Italujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 7, Norvegujo 6, Polujo 2, Svedujo 7, Svislando 37, Usono 1.

Entute 159 aliĝoj el 19 landoj.

Presita en Svislando.